10-a jaro. — N-ro 5-6 (111-112) Majo-Junio 1924.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO

1924

10a Jaro. N-ro 5 6 (111-112) Majo-Junio 1924


# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*



| Redakcia parto : | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 15, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 4374 | Postĉeko No 399.84. |




# XIIIa Belga Esperanto-Kongreso

Bruĝo 7-9 de Junio.

Proksimume 150 Esperantistoj, el kiuj 12 alilandaj gesamideanoj ĉeestis nian XIIIan Belgan kongreson, kiu, ni tuj diru, estis granda sukceso.

Jam de sabatovespere alvenis en la kongresurbo multaj geamikoj kiuj kunvenis je la oka en la granda salono de Vieux Bruges kie Sro J. Desonay el Spa, oficiale komisiita tiucele, faris paroladon pri sia urbo. Grandan sukceson li rikoltis des pli ĉar li ilustris siajn klarigojn per belegaj lumbildoj. Dum tiu sama tempo okazis en alia ĉambro kunveno de la Ligestraro.

Dimanĉon matene malgraŭ la pluvego kolektiĝis sur la Burga placo granda parto de la kongresanoj. Ili vizitis la faman muron de la mortpafitoj en la kazerno de la lancista regimento. Tie Sro K. Poupeye je la nomo de la organiza komitato metis kronon kaj diris jenan paroladon :

En tago de ĝojo kaj de entuziasmo por ni, jen ni kunvenas ĉe memorigaĵo funebra.

Kion ni faras, tie ĉi, ni Esperantistoj, partianoj de paco, progreso kaj frateco, kion ni faras tie ĉi en tiu ĉi loko, kiu memorigas al ni, la militan abomenon kaj la interpopolan malamon ?

Ne, ni ne deziras reakrigi le malamon, kiun la milito malbenata, semis inter la familioj homaj, ni restas fidelaj al nia idealo de paco kaj de interkompreniĝo, sed tamen, ni kredas, ke estas nia granda devo, esprimi tie ĉi, nian kortuŝan respektegon al tiuj, kiuj mortis por nin savi.

Bruĝo, urbo de la XIIIa belga Esperanto kongreso, ankoraŭ ne posedas monumenton dediĉatan al la militmortintoj. Kaŭzoj de loka estetiko, kompreneblaj en arta urbo kiel la nia, malhelpis ĝis nun, le starigon de diversaj monumentaj planoj. Tamen, la Bruĝanoj ne volis ke oni forgesu kelkajn el niaj plej noblaj samlandanoj, kiuj en tiu ĉi loko mem, oferis sian vivon por nia libereco.

Gesamideanoj, tiu ĉi loko estas sankta, la tero, kiun vi subpremas, trinkis la heroan sangon de tiuj, kiuj pagis per sia vovo, sian sindonemon sengloran pro nia libereco kaj pro la paco.

Tie ĉi, ĉe tiu ĉi muro, kie vi povas vidi ankoraŭ la postsignojn de la mortigaj kugloj, estis mortpafitaj de la germana okupanto naŭ Belgoj, unu Franco kaj Kapitano Fryatt, unu el la plej noblaj herooj de la angla nacio !

Ne, estimataj gesamideanoj, antaŭ tiuj ĉi atestaĵoj de heroeco, ni ne povas resti sensentaj. Ni deziras por ĉiuj popoloj, estonton de paco kaj de kora harmonio, sed ni sentas tamen en niaj koroj, vivegan dankemon kontraŭ la herooj, kiuj donis en tiu ĉi malluksa loko la ateston la plej brilegan de sia arda patriotismo, foroferante sian vivon por reakiri la pacon, kiun fremdulo al ni forrabis.

Sekve, estimataj gesinjoroj, antaŭ ol komenci niajn homamajn laborojn kaj niajn festojn en samideana atmosfero, salute klinu ni, dum momento, respekte, al tiu heroa tero, kaj memoru ni emocie tiujn turmentegitojn de la paco.

Povu la ombro de niaj Esperantaj flagoj forpeli el tiu ĉi loko la fantomon de malamo por nur konservi la kortuŝecon de l' memoro kaj de l' dankemo.

Povu tiuj ĉi floroj esti la videbla atestaĵo de niaj profunde dankemaj sentoj.

S-ino Macleod metis flagon de sia lando, Britujo, antaŭ la tomboŝtono de Kapitano Fryatt.

Poste la kongresanoj iris al la antikva urbodomo. En la gotika salonego ili estis akceptata de Sro Leonce De Schepper, skabeno de publika instruado, kaj Sroj Firs kaj De Jonghe, urbaj konsilantoj.

F-ino Yv. Thooris, prezidantino de la Organiza Komitato, prezentis la estraron de la Belga Ligo Esperantista kaj la belgajn, francajn, hungarajn, holandajn kaj britajn kongresanojn. Ŝi dankas la urbestraron pro la bonvolemo per kiu ĝi helpis la lokajn komitatojn kaj pro la montrita simpatio al nia movado. Ŝi certigas al la kongresanoj ke la gastema loĝantaro de « Bruĝo la Mortinta » ne plu devas esti konvinkata pri la vivebleco kaj vivanteco de nia lingvo.

Sro Skabeno De Schepper je la nomo de la urbestraro diris ke ne nur estas honoro sed ankaŭ plezuro por li, akcepti la kongreson en tiu bela salono. Li precipe ĝojas pro tio ke li vidas ĉirkaŭ si reprezentantoj de la intelektularo, kiuj batalas por bela lingvo, por bela celo. Li juste taksas la grandegan klopodadon, kiun la esperantistaro devas produkti por konvinki la mondon politikan, instruadan, komercan, kaj ĉefe la junularon pri sia idealo, kiu estas vere grava paŝo en la ĝenerala progreso de lahomaro. Tiuj, kiuj juĝas sen antaŭsento la problemon Esperantan devas jam nun rekoni la notindajn sukcesojn atingitajn, eĉ tiuj kiuj instinkte forpuŝas novajn ideojn devas konsenti ke la batalantoj por tiu lingvo meritas ĝenerale pli bonan subtenon en ĉiuj fakoj de la vivo, subtenon, kiun la movado Esperantista plene indas ricevi pro

la helpo kiun ĝi povas doni al la disvastigo de la interrilatoj komercaj kaj aliaj kaj al la paco en la mondo.

La skabeno memorigas ĉiujn lasttempajn progresojn de Esperanto, precipe en la komerca fako kaj li konstatas ke la infaneto de antaŭ tridek-sep jaroj iĝis fortika, bonsana maturulo. Ne nur artistoj sin okupas pri la afero sed ankaŭ la praktikuloj. Li aplaudas la laboron kaj la penadon de la Esperantistoj, esperante ke oni baldaŭ donacu ĉie la mirindan interkomprenilon de Dro Zamenhof al la junularo, kiu poste devos faciligi la intencajn klopodojn por faciligi la tutmondajn rilatojn.

La parolanto deziras ke la kongreso havu fruktodonan rezultaton, kaj la partoprenantoj ĝuu agrablan restadon inter la artaĵoj kiujn prezentas al ili la Bruĝa urbo.

Sro Witteryck, prezidanto de Belga Ligo Esperantista, respondis jene :

Sinjoro Skabeno,

Kun vera kontentiĝo mi esprimas je la nomo de la membroj de Belga Ligo Esperantista ilian dankon pro la simpatia akcepto, kiun hodiaŭ la Bruĝa magistrato faras al ili kaj mi estas feliĉe konstati denove, ke Sinjoro Skabeno laŭmerite konsideras nian movadon por paco kaj progreso..

Tamen la funebro, kiu ŝvebas ankoraŭ super la urbo, ankaŭ tuŝas la kongresanojn ! Ili partoprenas emocie en ĝi, des pli ke la nomo de Grafo Amedée Visart, Urbestro de Bruĝo kaj patro de ĝia haveno, populariĝis en tuta Belgujo kaj eĉ en la najbaraj landoj, kaj, je l' nomo de ĉiuj membroj de la kongreso, kiu prezentas al la urbestraro de Bruĝo la sentojn de la plej sincera kondolenco.

Sinjoro Skabeno,

Jam antaŭ kvarono da jarcento mi komencis mian Esperantistan propagandon en Belgujo.

Kiom la komenco estis malfacila!

Kiom da fojoj oni nomis min utopiulo !

Tre ofte mi pensis al la malhelpoj, kiujn renkontis aliaj novaj ideoj: la presarto, la fervojoj, la teksiloj, la vapora ŝipveturo, k. c. kiuj malgraŭ tio, ĉiuj sukcesis kaj tiel nesesiĝis, ke tiu, kiu nun proponus forigi ilian uzadon, estus sendube konsiderata kiel plej danĝera estaĵo.

Tiuj pripensadoj subtenis min, ĉar mi estis konvinkita ke unuflanke Esperanto plenumas ĉiujn kondiĉojn postulatajn por helpa lingvo : simpleco, riĉeco, harmonio ; neŭtraleco, kaj ke aliflanke sama dua lingvo por ĉiuj nacioj sin altrudas estante la aldono pleniga kaj logika de niaj materiaj progresoj.

Mi fidis la estontecon kaj mi neniel trompis min.

Pruvo estas la multnombraj adeptoj kiuj ĉeestas tiun ĉi kongreson sed plie :

La propono de la Ligo de Nacioj, por la ĝenerala akcepto de Esperanto estas multsignifa fakto

Krom tio, la membroj de l'Akademioj de Sciencoj jene esprimas la gravecon de internacia lingvo :

« Konvinkitaj ke la akcepto de la helpa lingvo Esperanto, en la internaciaj rilatoj havus grandegajn sekvojn je vidpunkto de la progreso de la sciencoj kaj de iliaj aplikoj, ni esprimas la deziron: ke la instruado de tiu lingvo, ĉefverko de logiko kaj simpleco, estu enkondukata, almenaŭ laŭvole, en la oficialajn programojn de la sciencaj klasoj de ĉiuj instruejoj; — ke de nun la sciencistoj kaj teknikistoj faru la neceson por praktiki tiun lingvon en siaj rilatoj kun alilandaj kolegoj kaj konigu al ĉi tiuj ke ili estas pretaj ĝin uzi. »

La fako de la Senfadena Telefonio ne povis ne esti tuŝata de la Lingvo de Zamenhof.

Radiotelefonaj sendstacioj en Usono, Kanado, Granda Britujo, Francujo, Rusujo, Ĉehoslovakujo, Svisujo, k. c. jam uzis Esperanton por siaj disaŭdigoj.

Sub la nomo « Internacia Radio Asocio » fondiĝis tutmonda societo kun la celo, malaperigi per Esperanto, la malhelpoj starigitaj en la radio-rilatoj de la lingva malsimileco, kaj kunigi tiujn, kiuj sin okupas pri Senfadena Telefonio en la diversaj landoj.

La konferenco por internacia interkonsento, kunveninta en Genève la 22-23 de Aprilo lasta, konstatinte, ke la radiotelefonio disvastigas la homan parolon trans ĉiuj limoj, kaj renkontas la barilon de la lingvodiverseco, opinias urĝa kaj necesa la uzon de helpa internacia lingvo por la elsendadoj kiuj celas atingi la eksterlandon; la konferenco gratulas la radiostaciojn kiuj jam komencis elsendi per Esperanto aŭ kiuj mem disaŭdigis kursojn en tiu lingvo ĉar tiu lingvo montriĝis facila, klare aŭdebla kaj jam divastigita, jam tre grandmezure, inter aŭdantoj de ĉiuj landoj.

Tiuj inter vi, kiuj sin okupas pri Radiofonio scias ja ke ĉiumerkrede je la 1 h 15 kurso de Esperanto estas radiata el la stacio de Genève.

Granda antaŭenpaŝo estis ankaŭ donita al nia movado de bedaŭregata honora prezidanto, Generalo Grafo Leman, kiu la 25an de Marto 1920 skribis artikolon en kiu li diras :

« La eltrovo de Zamenhof estas laŭ vidpunkto de tutmonda disvastiĝo, la plej granda el ĉiuj; ĝi renovigos la universon rilate la ekonomion kaj multobligos nemezureble la produktadon de la mondo.

Oni neniam komprenos kial la nacioj ne sentas la grandan devon, kiu sin altrudas al ili, disvastigi la konon de Esperanto devigmaniere, nekonsiderante se plaĉas al tiu aŭ alia studento ĝin lerni.

Tiu sendiferenteco estas vere malĝojega kaj montras eĉ pli ol la militoj, la abomeninda barbareco en kiu ankoraŭ droniĝas la homaro. »

Kaj tio, kio estis plej ŝatata de ĉiuj belgaj Esperantistoj, estas la simpatio, kiun atestas al ili Lia Princa Moŝto la Duko de Brabant, akceptante la titolon de honora prezidanto de ilia ligo.

Jen kion atingis la utopiuloj de antaŭ trideko da jaroj !.....

Ilia utopio, ilia himero efektiviĝis !

Ni ne povas pli dubi pri la fina sukceso de nia entrepreno, kaj ni esperas, ke Sinjoro De Schepper, Skabeno de Publika Instruado, ne forgesos nian movadon post la tagoj de la nuna kongreso.

Denove mi dankas la estraron de Bruĝo pro la subteno de nia kongreso kaj la honoro farita al nia idealo.

Vivu Bruĝo !

Vivu Skabeno De Schepper !

---

Post tiu oficiala akcepto la kongresanaro estis fotografata antaŭ la guberniestra Palaco.

Je la 10 h. 30 okazis en bela koncerta salonego, Sta Jakobo strato, la ĝenerala kunsido de la Belga Ligo Esperantista.

Ĉe la estrara tablo sidis S-ro A.J.Witteryck, prezidanto, S/roj L. Cogen kaj L. Champy, vicprezidantoj, Sro H. Petiau, sekretario, F. ino h. Thooris, S-roj De Vriendt kaj Dervaux, prezidantino, vicprezidanto kaj sekretario de la loka organizanta grupo, S. ro Schoofs, Direktoro de Belga Esperantisto. Krom tio sidis ĉirkaŭ la tablo, niaj alilandaj gastoj :

Britoj : S.ro Boutwood, honora prezidanto de la Bruĝa grupo.
S.inoj Mc Leod, Lucking, F.ino Reed, S.roj Buchanam kaj Maule.

Francoj : S.ro kaj S.ino Boone.

Nederlandanoj : Sino Sauerbier kaj S.ro Lodema.

Hungaroj : S.roj Berau kaj Vajda.

En la salono mem ĉeestis proksimume cent membroj de la Ligo inter kiuj ni plezure rimarkis la gvidantoj de preskaŭ ĉiuj aliĝintaj grupoj.

S.ro Witteryck, prezidanto, malfermante la kunsidon, faris sekvantan paroladon :

Altestimatoj Gesinjoroj,
Karaj Gesamideanoj,

Mi estas ege feliĉa tial, ke mia sanstato permesas al mi, almenaŭ parte, ĉeesti la kongreson.

Mi ĝojas revidi vin en mia kara Bruĝo, kaj mi deziras al vi ĉiuj tutkoran bonvenon en tiu ĉi bela antikva urbo.

Antaŭ dekkvar jaroj okazis ankaŭ en tiu ĉi loko la Belga nacia kongreso, kaj kun respekto kaj amo, sed ne sen emocio mi revidas en memoro la tiamajn viglajn pionirojn, kiuj ĝin ĉeestis, kaj kiujn la malnovaj Esperantistoj neniam forgesos, nome la altvaloran Prezidanton Van der Biest kun Abato Richardson, S.ino Sebert. S.roj Carlo Bourlet, Namur, Colas, Van Peteghem, Advokato De Poortere, F.ino Boedt kaj aliaj..... ĉiuj forrabitaj el nia movado de la kruela senkompata morto !

Ni ankoraŭ salutu la memoron de nia kara Majestro, kiu al la antaŭa Bruĝa kongreso sendis plej simpatian leteron. Lia nomo ĉiam estos honorata de ĉiuj Esperantistoj, kaj lia spirito eterne vivados inter liaj pacaj batalantoj.

Ni revenu al la hodiaŭa kongreso.

Mi devas antaŭ ĉio esprimi mian miron kaj plej sinceran dankon al la komitato de la Bruĝa Grupo, kiu senlace laboradis, tiel brile sukcesis en la organizo de la kongreso.

Tute specialan dankon al la Prezidantino F.ino Thooris, kaj al la genia Profesoro S.ro Dervaux.

Kiel vi povis jam rimarki kaj ankoraŭ rimarkos, ĉiuj povas preni ekzemplon de tiuj kapablaj organizantoj. Organizi ne estas malgrava tasko. Multaj el vi jam spertis tion !

Mi ne povas preterlasi ankaŭ esprimi mian dankon al la Konsilantaro de la urbu pro la multaj favoroj konsentitaj al la kongreso: la uzo de tiu ĉi salonego, la helpmono, la kora akcepto, k. t. p., per kiuj ili pruvis sian estimon kaj simpation por nia laboro.

Karaj Gesamideanoj, vi scias, ke pro diversaj malfeliĉaĵoj kaj familiaj funebroj, mi povis, dum la lastaj jaroj, nur malmulte partopreni en la laboroj de la liga komitato. Mi eĉ prezentis mian eksiĝon kiel prezidanto, sed la komitato malprave ne volis aŭdi je tiu orelo, sed daŭrigis dum mia deviga forrestado sian regulan, viglan, sukcesplenan laboron, pro kio mi tutkore dankas miajn karajn amikojn-k mitatanojn, speciale la viglajn Vic-prezidantojn S.ron Cogen kaj S.ron Champy, kaj mian neacigeblan Sekretarion S.ron Petiau.

Dankon ankaŭ al S.ro Schoofs, kiu prenis sur sin la tre malfacilan taskon de la redakto de Belga Esperantisto.

Ĝenerale oni ne sufiĉe komprenas la malfacilecon de tia tasko; ĉiuspecaj malagrablaĵoj ĉiam akompanas ĝin ; de l'flanko de l'presisto, de l'flanko de aŭtoroj, de l'flanko de la abonantoj, k. t. p...

Nur propra sperto povas komprenigi tian entreprenon, kaj tial mi povas certigi, ke ni ŝuldas al S.ro Schoofs nian plej sinceran dankon kaj nian helpon, varbante kiel eble plej multe da abonantoj kaj anoncoj, kaj precipe havigante al li ĉiujn informojn pri loka grupa agado.

Baldaŭ vi aŭdos per la raporto de nia Sekretario, la nunan situacion de Esperanto en nia lando. Miaflanke mi ne povas sufiĉe diri kaj rediri : faru ĉiam kaj ĉie senlacan propagandon por nia idealo.

Vi ĉiuj havas diversajn okazojn en viaj diversaj laborkampoj: unu dum vojaĝo, alia en skribejo, alia en laborejo, ĉiu devus de tempo al tempo diri vorton pri Esperanto, kaj precipe komuniki la ĉefajn okazintajojn de la Esperanta movada ; sed ne forgesu, ke vi ne povas iĝi Esperantaj SEGILOJ ! Unu vorto ĝustatempe kaj bone dirita trafas kelkfoje pli ol longa seka parolado, kiu povus igi vin ridindaj en la okuloj de ne-Esperantistoj.

Tre taŭga propagandrimedo estas la ofta enpresigo en lokaj ĵurnaloj de unu aŭ alia mallonga informo pri nia movado, aŭ de iu ajn trafanta fakto, kiu atentigas la publikon.

Preskaŭ ĉie oni komencas interesiĝi pri io, kiam la ĵurnaloj parolas !... Ofte mi aŭdis iun diri tute grave: «Tiu Esperanto devas certe esti interesa, ĉar la ĵurnaloj parolas pri ĝi ! »

Vi do konstatas, ke por multaj personoj la ĵurnaloj estas evangelio. Estas do nia devo, paroligi la evangeliistojn, kiuj ilin redaktas.

Certe estas dezirinde, ke novaj grupoj estu starigataj; sed estas nepre necese, ki ĉiuj Esperantistaj elementoj kuniĝu en sama centro : la Ligo.

Ni ne forgesu, ke unueco donas fortecon. Laborante ope ni atingos pli rapide la tiom deziritan celon. Kuraĝe antaŭen ! La fina venko estas proksima !

Karaj Gesamideanoj, vi ĉiuj bone scias, ke kongreso estas ne nur festtago, sed precipe vivanta pruvo de la taŭgeco de nia lingvo, tial mi petas vin, parolu dum tiuj ĉi du tagoj nur Esperanton. Estos duoble utila; unue por vi mem kaj due por la propagando. Parolu serioze kaj nature, tiel kiel vi parolus nacian lingvon; tiamaniere vi evitos la mokojn.

Mi esperas, ke la kongresanoj ĝuos sian restadon en Bruĝo, kaj konservos plej agrablan memoron pri nia antikva urbo.

Ke ĉiuj forlasu tiun kongreson kun la plej firma volo laboradi pli kaj pli al la disvastigo de Esperanto !

S.ro L. Cogen, vicprezidanto, rimarkigis ke estis grava forgeso en la parolado de S.ro Witteryck, kiu forgesis citi la fondinton de la Bruĝa grupo, kiu laboras por nia lingvo dum kvarono da jarcento Ĉiuj ĉeestantoj estas feliĉaj vidi lin inter si en bona sanstato kaj esperas ke ili povos konservi lin longtempe ankoraŭ kiel simpatian kaj pertan gvidanton. Tiuj paroloj estis entuziasme aplaŭdataj de la ĉeestantaro.

Post kelkaj emociplenaj dankvortoj de la prezidanto S.ro Boutwood salutas la kongreson je la nomo de la Hastings'a grupo. Per plej bonhumora paroladeto li, kiel honora prezidanto de la Loka grupo dankas « siajn kunlaborantojn » de la organiza komitato pro la granda helpo kiun ili donis al li en la aranĝo kaj la preparoj de ciuj detaloj de la kongreso.

Salutas ankaŭ mallonge la kongreson : S.ro Boone , franco, S.ro Vajda, hungaro; S.ro Lodema, nederlandano; Sino Mc Leod, skotino.

La Prezidanto dankas la parolintojn, kaj S.ro Petiau, ĝenerala Sekretario, prezentas al la kongreso sian jaran raporton pri la Liga situacio. Ni presigas ĉi sube la plenan enhavon de tiu raporto :

* * *

Estimataj Gesamideanoj.

Kiel kutime ni ĵetu rerigardon al la jus pasinta jaro.

Ĉiuj, kiuj ĉeestis la lastan kongreson en Namur'o, cete ankoraŭ memoras en kiaj cirkonstancoj ĝi okazis. La organiza komitato estis sukcesinta ĉion aranĝi kiel eble plej bone kiam, je la lasta momento la tuta afero estis endanĝerigita pro ebla ĝenerala striko de la fervojistoj. Mi ne scias ĉu vi jam spertis la preman doloron kiu plenigas la koron kiam, post ĉiuspecaj malfacilaĵoj, oni sukcesis ĉion bone aranĝi kaj ke, je la lasta momento, ekaperas grava malhelpaĵo tute ne antaŭvidita, kiu minacas faligi la tutan entreprenon? Nu estis tiu doloriga sento kiu regis en la koro de la organizintoj de la Namur' a kongreso ! Feliĉe la Esperantistoj estas obstinaj homoj kiuj nepre volis, ke la kongreso okazu......, kaj ĝi okazis!

Mi ne parolos al vi pri la detaloj de tiu neforgesebla festo. Mi nur rememorigos la afablan akcepton en la urbdomo, la belajn ekskursojn okazintajn en tiu rava lando plenplena je mirindaj vidindaĵoj, la famajn Grotojn de Han, la boatan veturadon sur la riverego « Meuse » kun siaj pentrindaj bordoj, la panoramon de Namur' o, k. t. p., k. t. p. Dum tiuj du tagoj regis inter la kongresanoj plej granda gajeco kvazaŭ ili volis ĝui duoble la plezuron esti sukcesintaj kunveni malgraŭ la malfacilaĵoj. Mi estos certe ĉies interpretanto dankante tutkore F-inojn Dorsinfang, F-inon Brosse, S-rojn Verbeken kaj Remy pro la helpo kiun ili malavare donis por la sukceso de nia ĉiujara festo. Estas dank' al ili ke la kongreso tiel bone sukcesis. Ni rediras al ili ĉiuj nian plej sinceran dankon.

Elĉerpinte novajn fortojn nia samideanaro rehejmiĝis kun la firma volo daŭrigi sian pacan bataladon. Bedaŭrinde la nunaj vivkondiĉoj tre malhelpis ĝian laboron. Kelkaj grupoj tamen daŭrigis senlace sian propagandon. «Verda Stelo» el Antverpeno, la grupoj el Bruĝo, Gento, Mehleno kaj Verviers ageme laboris. Niaj Mehlenaj amikoj sukcesis akceptigi de sia komerca ĉambro la decidon de la Pariza Komerca Ĉambro; en Verviers la kurso organizita por la lernantoj de la 4a grado daŭre funkcias kaj la urbestraro denove difinis helpmonon da 500 fr. por tiu kurso; en Ledeberg la komunumo ankaŭ oficiale monhelpas du kursojn gvidatajn de S.ro Varendonck.

Je sia flanko, la Ligestraro faris ĉion eblan por organizi la ĝeneralan propagandon.

La « Gazetara Servo », sub la direktado de S.ro Schoofs tre bone funkciadis kaj ni povas konstati kun plezuro ke malmultaj estas la gazetoj kiuj ne represas la komunikajojn al ili senditajn. Ni penos ĉiam plibonigi tiun gravan servon kaj ni esperas ke ĝi donos plej bonajn fruktojn. Bedaŭrinde, nigra nubo montriĝis en nia ĉielo, estas « Belga Esperantisto ». Malgraŭ niaj senĉesaj klopodoj, malgraŭ ĉiuj penoj, ni ne sukcesis aperigi ĝin akurate ! La cirkonstancoj estis pli fortaj ol nia bonvolo ! Striko, malfacilaĵoj senĉesaj kun la presisto, estis la kaŭzo de la ne akurata apero de nia organo. Sed nun ni alprenis novajn aranĝojn kaj ni firme esperas ke estonte « Belga Esperantisto » aperos regule ĉiumonate. Karaj gesamideano ! Mi dezirus hodiaŭ atentigi vin pri la nuna stato de nia movado. Kiel vi scias, la kongresoj de Helsinki kaj Nurenbergo decidis novan organizadon. Oni starigis oficialajn instituciojn :« Centra Komitato », « Konstanta Reprezentantaro », U. E. A. fariĝis oficiala, k. t. p. Sed ne sufiĉas novajn organizaĵojn, ili devas vivi. Kiel S-ro Privat, Prezidanto de la « Centra Komitato » skribis en la januara n° de « Esperanto », ni devas firmigi nian bazon ; ni devas antaŭ ĉio certigi vivrimedojn al niaj oficialaj organizaĵoj. Por atingi tiun rezulaton ni devas serioze praktike labori. Movado kiel nia ne povas progresi sen bona organizado. For estas la tempo kiam la propagando konsistis el bruaj sekvantaroj kun verdaj flagojkaj grandaj steloj ĉie ĝis eĉ en la hararo ! Nun nia laboro devas esti kvieta, serioza, persistema, praktika. Sed por atingi bonan rezultaton ni devas

kunigi niajn fortojn, ni devas kunlabori laŭ bone difinita programo, interkonsente kaj ageme ; unuvorte ni devas nin bone organizi.

Vi ĉiuj, kiuj ĉeestas la nunan kunvenon, vi ĉiuj, kiuj elspezis gravan sumon por ĉeesti la hodiaŭan kongreson, vi ĉiuj, kiuj kapablas fari tiun oferdonon por nia idealo, ĉu vi iam pripensis kian forton vi riprezentas ?! Por doni bonajn fruktojn tiu forto nun disa, senkonscia, devas esti bone ordigita. Ne sufiĉas, ke vi regule ĉeestu viajn grupajn kunvenojn, ne sufiĉas, ke vi faru bonajn hejmtaskojn aŭ belajn esperantajn verkaĵojn, ne sufiĉas, ke vi bone scipovu la lingvon, vi devas antaŭ ĉio kunhelpi la ĝeneralan agadon.

La grupa agado estas certe tre bona, eĉ necesa, sed kondiĉe ke ĝi estu pli vasta, pli ekstera, malpli societa. Ni ne forgesu, ke nia afero ne estas loka sed tutmonda. Ni do devas labori ĉiuj kune por la sama celo. « Unueco estas forteco » ! Ni do kunigu nin por esti fortaj ; ni interkonsente laboru por nia bela idealo kaj nur tiel ni trafos bonan rezultaton.

Kongresoj estas bonaj okazoj por interŝanĝi ideojn pri propagandaj rimedoj kaj labormanieroj. Ni do uzu la du tagojn kiujn ni pasigos en Esperantujo por ĉerpi novajn fortojn, por serĉi novajn metodojn kaj bonajn rimedojn por iam pli bone aŭtaŭenirigi nian karan aferon.

Kvazaŭ la organizintoj de la nuna kongreso antaŭsentis tiun bezonon, ili tiel bone aranĝis la programon, ke la kongresanoj trovos multajn okazojn interbabiladi pri niaj aferoj kaj interŝanĝi siajn ideojn. Mi certe estos via interpretanto por danki niajn Bruĝajn geamikojn kaj precipe la Prezidantinon de la grupo kaj ŝian sindoneman Sekretarion S.ron Dervaux kiuj estis la animo de la organizado. De preskaŭ unu jaro ili laboris senbrue, ageme kaj inteligente por havigi al la kongresanoj plej agrablan restadon en sia artplena urbo. Niaj Bruĝaj amikoj estas bonaj Esperantistoj kiuj ne deziras laŭdojn sed rezultatojn. La plej bona rekompenco kiun ni povas havigi al ili estis, ke ilia laboro ne restu senfrukta. Ni do hodiaŭ solene promesu ke estonte ni laboros kun ankoraŭ pli da agemo, kun pli da interkonsento por la sukceso de nia idealo.

Vivu nia XIIIa ! Vivu Esperanto !

* * *

S.ro Witteryck atentigas la belgajn Esperantistojn pri kelkaj punktoj de la raporto verkita de la ĝenerala sekretario. Ĉu, inter alie oni ne povus akiri en aliaj lokoj samajn rezultatojn kiujn jam atingis niaj amikoj en Mechelen, Verviers, Ledeberg ? Li konsilas ke la grupoj pristudu detale la legitan raporton. kaj agu je okazo oportuna. — Li insistas ankaŭ pri la utileco de la propagando per la ĉiutaga gazetaro. Pri la problemo de «Belga Esperantisto» la prezidanto denove diras, ke se ĉiuj samideanoj, malgraŭ la malfacilaĵoj nunaj, daŭrigas sian subtenon per varbado de abonoj, kaj anoncoj ni certe baldaŭ fine venkos.

S.ro Witteryck proponas sendi jenan telegramon al la Honora

Prezidanto Princo Leopold :

« La membroj de la Belga Esperanto-Kongreso salutas respekte sian honoran Prezidanton ».

(A. J. WITTERYCK, Prezidanto. (*)

Anstataŭante S.ron Fernand Mathieux, Kasisto de la Ligo. kiu pro familiaj cirkonstancoj estas malhelpata ĉeesti la kongreson, S.ro Petiau legas leteron raporton pri la financa stato de nia nacia societo :

Jen la enhavo de tiu letero :

Karaj Gesamideanoj,

Privata cirkonstanco malhelpas min ĉeesti ĉi jaron kiel kutime, nian nacian kongreson.

Nu, por vi, mia foresto estas eble feliĉo, ĉar se mi estus veninta, mi certe estus montrinta al vi malgajan, malgajegan vizaĝon......

Imagu malsanulon, kiu de kelkaj jaroj sentas ke liaj fortoj forlasas lin iom post iom : jen estas mia situacio (kiel kasisto de Belga Ligo, kompreneble).

Lastan jaron, mi plendis ĉar mi konstatis ke fine de 1922a la enspezoj nur superis la elspezojn da 302.95 Fr. Nu, fine de 1923a destas nur 237.30 Fr.

Miaj plendoj tute ne estis efikaj.... Mi do ne ripetos ilin, sed en la proksima No de B. E. mi presigos detalan tabelon, montrante niajn diversajn en- kaj elspezojn dum la tri lastaj jaroj.

Mi esperas ke vi ĉiuj legos atente tiun tabelon kaj ke vi prenos la firman decidon iom klopodi por plibonigi nian situacion.

La rimedojn vi konas : varbi membrojn, abonantojn kaj anoncojn. Ne forgesu.....

* * *

S-ro Pirnay, urba konsilanto en Verviers kaj prezidanto de la tiea grupo, priparolas la legitan leteron. Nia malnova amiko komunikas al la kongreso ke jam dufoje la komitatanoj de la Belga Ligo pagis gravan monsumon por ekvilibrigi la kason de nia nacia organizaĵo kiu suferas pro la ĝenerale malbonaj cirkonstancoj. Li faras elokventan paroladon por ke la membroj de la Ligo ne lasu la tutan ŝarĝon de tiu situacio sur la ŝultroj de la komitatanoj kaj esperas ke ili konsideros ke estos honoro por ili kapti la okazon de tiu kongreso por elmontri sian simpation al la Estraro kaj sian emon helpi ĝiajn klopodojn. Tial li proponas ke oni ne plie esploru kaj diskutadu sed ke oni en la nuna kunsido, tuj (kaj posttagmeze en la festeno por tiuj kiuj nun ne ĉeestas) faru monkolekton. « Mi estas certe diras S.ro Pirnay ke ĉiu el vi al nia komuna movado almenaŭ oferos kvin frankojn, t.e. la kosto

---

(*) Respondo ricevita :

La princo Leopoldo tre tuŝita de la enhavo de via afabla telegramo, min komisias kore danki al vi je sia nomo, kaj ankaŭ al ĉiuj kies interpretanto vi estas.

Estro Kabineto Reĝa.

en restoracio de du buterpanoj kun ŝinko ! Mi petas panon por nia Ligo : donu malavare ! »

Post varmaj aplaŭdoj de la tuta ĉeestantaro, sin prezentis tuj kelkaj bonvolemaj fraŭlinoj por plenumi la proponon de S.ro Pirnay, kies vortoj montriĝis konvinkigaj ĉar la kolektintinoj alportis al nia ĝenerala Sekretario sumon da proksimume Fr. 300.—, rezultato pro kio la proponinto kaj la prezidanto emocie dankis.

Fraŭlino Y. Thooris, prezentas sian raporton pri «Nia plena devo». Ŝi klarigas ke estas nepre necese ke ĉiu Esperantisto agu kaj por kiu ajn celo li uzas la lingvon, kunhelpu en la organizo kaj en la plenumo de la loka propaganda laboro per aliĝo al la neŭtra loka grupo per kiu li samfakte ankaŭ partoprenas en la nacia movado. Li devas ĉeesti la kunvenojn de la loka grupo ĉar dank'al tiuj lokaj grupoj kreiĝis en la tuta mondo la multnombraj ĉeloj en kiuj disvolviĝas la spirito de nia lingvo.

Krom tio ekzistas ankaŭ internaciaj organizaĵoj kiuj meritas la plenan subtenon de ĉiuj Esperantistoj :

Nia Lingva Komitato kun Akademio, la Konstanta Komitato de la Kongresoj, kaj la lastatempe starigita Konstanta Reprezentantaro, kiu kunlaborinte kun la bone konata U. E. A. starigis la Centran Komitaton.

Estas precipe pri la grava rolo de U. E. A., ke F.ino Thooris volas instrui la kongresanojn. Tiu asocio, apud la propagandaj kaj lingvaj institucioj plenumas la rolon de servada ofico. Dank'al ĝia bona organizo tutmonda ĝi ebligas la tujan praktikadon por ĉiuj celoj de la lernita lingvo ; sen ĝi nia movado ne estus plena, ne estus vere « ekzistanta ». Por pli bone ilustri siajn parolojn F.ino Thooris citis la opinion pri U. E. A. de kelkaj eminentaj samideanoj, opinioj enskribitaj en bele eldonita « Ora Libreto », kiun oni povas peti de la delegitoj de « Universala Esperanto-Asocio. »

Ŝi faras varman alvokon al ĉiuj belgaj Esperantistoj por ke ili komprenu sian « plenan devon » aliĝante kiel eble plej baldaŭ al U. E. A.

S.ro Witteryck dankas la parolintinon kaj transdonas la parolvicon al S.ro Inĝ. Hendricx, kiu legas interesplenan raporton pri blinduloj kaj blindulaferoj. Niaj legantoj sendube jam scias ke nia fervora samideano Hendricx sin dediĉas kun amo al la plibonigo de la blindula sorto. La aŭdantaro altgrade interesiĝas pri la sciindaĵdetaloj konigitaj per la raporto, kies plenan tekston ni kun plezuro presas en « Belga Esperantisto » kaj kiu renkontis de la kongresanoj la plej simpatian akcepton.

S.ro Cogen L. prezentas sian raporton pri du novaj internaciaj Asocioj starigitaj kaj funkciantaj pere de Esperanto. La du asocioj estas la « Internacia Asocio de Esperantistoj-Stenografistoj » kaj la « Internacia asocio por la propagando de Aŭtonoma Muziknotado ». Ankaŭ tiun raporton ni preferas prezenti plentekste, al nia legantaro ; tial ni publikigos ĝin en nia organo.

S.ro Witteryck kore dankas la du raportintojn pro la de ili liveritaj klarigoj kaj pro tio ke ili tiel efike kunhelpis aldoni al niaj kongresoj

iun praktikan kaj utilan celon. Li esperas ke la ekzemplo donita de ambaù samideanoj trovos estonte multajn imitantojn.

La ĝenerala Sekretario legas grandan nombron da telegramoj kaj leteroj salutantaj la kongreson, i.a. de U. E. A., de la organiza komitato de la 16a Internacia Kongreso en Vieno, de Brita Esperanto-Asocio, de S.ro de Lajarte je l' nomo de S.ro Cart, prezidanto de la Akademio, de Esperanto Triumfonta, de F.ino Gérard, Parizo, de S.ro Fichelet, Ostendo, de S.ro Baras, samideano el Werboumont, kiu pro sia granda aĝo ne kapablas ĉeesti k. c., kc. ....

La prezidanto dankas la salutintojn kaj ĉeestantojn, kaj farante novan alvokon al ĉiuj por konstanta kaj kuraĝa laboro por nia afero, li fermas la ĝeneralan kunvenon je la 12a 30.

---

En la belege ornamita kaj plej gaje aspektatanta salonego de la de multaj jaroj bone konata « Hôtel du Cornet d'Or », okazis la tradicia Kongresa Festeno.

Dum la manĝado de la bonege preparitaj manĝajoj pro kiu S.ro Verbeke, la Esperantista restoraciestro kaj subtenanto de la loka grupo ricevis la bone meritítajn laŭdvortojn de la prezidanto, ĉarmis nin per sia kantado multaj bonvolemaj kaj talentaj gesamideanoj, kies nomojn ni ne citos timante forgesi iun el ili. Ni tamen ne povas preterlasi la admiron kiun vekigis ĉe ĉiuj ĉeestantoj la belega velura voĉo de vera steleto, pri kies posedo la grupo de Sankta Nikolao rajtas fieri.

Je la momento de la toastoj S.ro Prezidanto Witteryck leviĝis kaj diris :

Estimataj Gesinjoroj,

Jen alvenis, kiel ĉiujare dum nia kongresfesteno, la momento de la toastoj.

Kvankam oni kelkfoje, sed malprave, esprimas la timon, ke Esperanto forigus la nacian senton, ni ĉiuj, Belgaj Esperantistoj, neniam kaŝos nian respekton kaj nian amon por nia kara patrolando. Antaŭ ĉio ni estas kaj restos belgoj, kaj tial mi respektplene salutas la vivantan imaĝon de nia lando : la Reĝon !

Mi do proponas malplenigi la glasojn je l'honoro kaj la feliĉo de Lia Reĝa Moŝto Alberto kaj de la tuta Reĝa Familio, kaj je la prosperado de la kara patrolando.

Vivu la Reĝo !

Vivu Belgujo !

Li proponis sendi telegramon kun jena teksto :

Al Lia Reĝa Moŝto la Reĝo de la Belgoj.

« La Kongreso de la Belga Esperantista Ligo en Bruĝo, salutas iliajn Moŝtojn la Reĝon kaj la Reĝinon kaj ĉiuj la Kongresantoj en-

tuziasme aplaŭdas la toaston, prezentitan de la prezidanto je la feliĉo de la kara Reĝa Familio kaj la prospero de la Regno.

A. J. WITTERYCK.
Prezidanto Bruĝo. » (*)

Eekvis tiam la aliaj toastoj : de S.ro Babilon, al la eksterlandaj partoprenantoj ; de S.ro Boutwood, je la nomo de ĉi tiuj ; de S.ro Poupeye al la Esperantistinoj, al kiu respondis S-ino Elworthy-Posenaer ; de S.ro Pirnay por danki la Organizan Komitaton ; de S.ro Dervaux je la nomo de la Bruĝa grupo al ĉiuj kunhelpintoj en la aranĝaj laboroj ; de S.ro Schoofs al la Belga Gazetaro, kiu tiel bonvole akceptas niajn Komunikaĵojn.

S.ro Witteryck sin turnas al S.ro Cogen kun speciala danko pro la de li verkita manĝokarto kies tekston ni ankaŭ komunikas en la nuna numero, kiel memoraĵo de tiu gaja kaj sukcesinta festeno.

* * *

Vespere okazis en la salono « Halles de Paris » la muzika festo dum sin aplaŭdigis S.ino Dervaux, F.ino A. Boereboom, S.ro G. Dotselaere kaj Lambrechts per sia kantado, kaj F.ino Ronse per sia deklamado. S.ino Cogen-Van Rysselberghe ludis sukcesplene sian komponaĵon « Revado antaŭ la Amlago » pri kiu oni legis en nia antaŭa numero. La membroj de la Bruĝa grupo ankaŭ hore kantis kaj prezentis la bone konatan teatraĵeton « Amours Esperantistes » de D.ro W. Van der Biest.

Dum interakto la organiza komitato jam montris lumbilde ĉiujn fotografaĵojn « kaptitajn » dum la Kongreso. Tiu surprizo estis plej agrable akceptita.

Ni ne forgesu noti ke S.ro Skabeno De Schepper honoris tiun sukcesplenan feston per sia ŝatata ĉeesto.

Post dancado, kiu daŭris ĝis la 1a horo matene la ĉeestantoj hejmeniris kaj sendube plene ĝuis ripozon kiun ili ja meritis.

* * *

Lundon la 9an de Junio la kongresanoj tramveturis al la interna haveno de Bruĝo, kie ili enŝipiĝis en la « Pieter de Coninck ». Dum tuta horo ili ĝuadis agrablan veturon sur la markanalo, inter la trankvila pejzaĝo sin etendante laŭlonge de ambaŭ bordoj. De tempo al tempo resonis de la ŝipo gaja kantado kaj la aero pleniĝis je la harmoniaj sonoj de nia Zamenhofa lingvo.

---

(*) Respondo ricevita : Al Sinjoro A. J. Witteryck, Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, Bruĝo.

« La Reĝo estis tre kortuŝita pro la deziroj, kiujn la anoj de la Belga Ligo Esperanta, kongresante en Bruĝo, estas sendintaj al li, kaj Lia Reĝa Moŝto komisiis min je Lia nomo saluti vin kaj sendi al ĉiuj sian koran dankon.

La Kolonelo, Sekretario de la Kabineto de l'Reĝo. »

Alveninte en Zeebrugge oni vizitis grupe la muzeon, la moleon kaj la novaj « Ferry-Boatoj ».

Per rezervita tramveturilo ni atingis posttagmeze la ĉarman banlokon « Knocke-Zoute » kiu jam tute reviviĝis el siaj militaj cindroj.

Tie la kongresanoj iom post iom disiĝis kaj reveturis hejmen, kontentaj pro la pasigitaj kongrestagoj kaj dirante al si reciproke ĝisrevidon en la proksima nacia Kongreso.

# Mon kolekto por "Esperanta Ligilo,,

(Revuo en Esperanto por la blinduloj)

DEKTRIA LISTO :

| | | |
|---|---|---|
| S.ino De Waegenaere | Fr. | 10.— |
| Mehlena Grupo Esperantista | » | 7.94 |
| S.ro V. Hendricx | » | 6.50 |
| S.ro J. Karnas | » | 1.50 |
| | Fr. | 25.94 |
| Antaŭaj listoj | » | 797.80 |
| Sumo : | Fr. | 823.74 |

Donacojn sendu al Fr. Schoofs, Poŝtĉeko 284,20, Antverpeno.

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — « Le Matin » (4-5-24) : Informo pri la starigo de Internacia Radio Asocio.

« De Morgenpost » (2-5-24) : resumo de la decidaro de la radiofona konferenco en Genève; (15-5) : plena programo de la Belga Esperanto-Kongreso; (185 24) : artikolo pri «senfadena propagando por mondlingvo».

« Gazet van Antwerpen » (10-11-5) : anonco pri la Belga Kongreso. Ĉiuj gazetoj de la urbo anoncis la somerajn kursojn organizitajn de « La Verda Stelo » kiuj komenciĝis la 22an kaj 27an de majo.

« De Diamantbewerker » (24-5; 16 6) : informoj de Antv. Grupo de Esperantistaj Diamantistoj ; (21-6) : raporto pri Esperanto tago en Bergen-op-Zoom.

BRUSEO. — « Etoile Belge » (11-6) : noto pri la Kongreso en Bruĝo.

« Le Peuple » (11-5) : anoncis en sia radiofona kroniko, ke «parolado farita en Esperanto de la stacio de Newark estus aŭdita en la Japana ĉefurbo, je distanco de 9000 meljoj, de amatoro, kiu ne estas el Marseille ! »

« De Standaard » (8 5) : informo pri la provo farita en la universitato de Wellesley (U.Ŝ.A.) inter la instruado de la Dana lingvo kaj Esperanto.

BRUĜO. — « Brugsch Handelsblad » (14-6) : raporto pri la kongreso; « Burgerswelzijn» (14-6) : noto pri la kongreso.

« Journal de Bruges » (18-19 5) : pri la radiofona konferenco en Genève; (1-2-6) : anonco pri la kongreso; (5-6) : kelkaj informoj pri la progresoj de nia lingvo ; (11-6) : detala raporto pri la XIIIa Belga Esperanto-Kongreso.

GENTO. — «De Gazette v. Gent» (13-6) : Unua leciono de la kurso pri Esperanto, kiun tiu gazeto ree publikiĝas je peto de multnombraj legantoj ; (13-6) : granda artikolo pri la kongreso en Bruĝo ; (20-6) 10a daŭrigo de la frazaro.

MECHELEN. — « Gazet van Mechelen » (30 5) : pri la radiofona konferenco en Genève: (3-6) : pri radiofona parolado de S.ro Isbrücker el la stacio de Ymuiden; (14/15-6) : raporteto pri la kongreso en Bruĝo.

En la raporto pri la diskutoj en la Ĉambro de Deputatoj ni legas (paĝo 1416 — Ĝenerala diskuto pri la ordinaraj en — kaj Elspezoj de la Belga Kongo dum 1924-1925. — Temas pri la instruado de la dua lingvo al la indiĝenoj) :

« — S.ro Huysmans. — Kial ne instrui Esperanton al ili ?

» — S.ro Carton de Wiart, raportanto. — Se vi volas proponi tiun » reformon, kiu ŝajnas al mi tre bone respondi al via internaciismo, » la Ĉambro ekzamenos, ĉu estas oportune vin sekvi. Aliflanke mi ne » scias kion pri tio pensas la nigruloj. » (Ridoj kaj interrompoj).

Ni supozas ke estas la unua fojo, ke Esperanto estas citita en unu el niaj leĝdonaj institucioj.

# Gratuloj

— Al S-ro Alfons Houben, Antverpeno, kiu edziĝis la 3an de majo, kun F.ino Maria Vande Velde.

— Al S.ino kaj S.ro Oscar Van Schoor-De Wolf pro la naskiĝo de ilia filineto Jozefino.

# Kongresa Festeno

EN LA GRUPA SIDEJO « HOTEL DU CORNET D'OR »
8an DE JUNIO 1924.

MANĜOKARTO.

I.

Al vi, Gekongresanoj karaj,
Venintaj Bruĝon por fratiĝi
Malnova laŭ kutim' agrabla,
Bonvenon kaj saluton koran !

II.

Ce tiu tablo nun sidantaj,
Ni festu, bonapetithavaj,
Sukcesojn niajn akiritajn
Favore je l' Karega Lingvo !

III.

Vi petos eble l' manĝokarton ?
Jen estas manĝaĵaro plena,
Plej apetite preparita
De la Vatel'o plej talenta :

IV.

Komencos ni per Verda Supo
Kaj, post intermanĝaĵoj krustaj,
Nomitaj de Reĝin' Pasteĉoj,
Muelistin-soleo venos.

V.

Post tiu mara bongustaĵo,
Jen alportiĝos plad' plej grava,
Trovebla en sin respektanta
Festeno ĉiu, sen escepto :

VI.

Rostit-bovaj, Bordeaux'a saŭco,
Legomoj kaj naturterpomoj.
Palato nia fine frandos
Mirindan kukon buterkreman.

VII.

Botelduon' Sankt' Emiljono
Utile helpos la digeston !
Kaj nun tro... varmaj pro la vino
Ni iru naĝi tuj.... boate !

L. COGEN.

# Prepara Konferenco por Internacia Interkonsento pri Radio-Telefonio

KUNVENINTA EN ĜENEVO LA 22 & 23 APRILO 1924

## AKCEPTITA REZOLUCIARO.

I.

« La prepara Konferenco por Internacia Interkonsento pri Radio-telefonio en Ĝenevo, 22—23 Aprilo 1924, konstatinte, ke la Londona Konvencio de 1912 kaj la interkonsento de Washington de 1920 ne plu sufiĉas kaj entenas gravajn mankojn pro la nuna disvastigo de Radio-telefonio ;

Esprimas la deziron, ke nova interŝtata konferenco estu tre baldaŭ kunvokita por ripari tiujn mankojn, kaj doni al la radiotelefonio la eblecon kreski kiom eble plej serbare en la interesoj de tutmonda popola kulturo kaj ĝenerala informado ;

kaj rekomendas :

1) ke oni rizervu certajn kampojn de ondlongoj ekskluzive al la radiotelefona disaŭdigo, kaj ke ili estu tre nete apartigataj de la kampoj dediĉotaj al radiotelegrafio ;

2) ke pro la konsiderinda helpo, alportita de la amatoroj al la disvolvo kaj progreso de radiotelefonio, iliaj rajtoj estu konsiderataj, kaj certaj kampoj estu rizervataj al ilia eksperimentado :

3) ke oni rizervu la uzon de malkontinuaj ondoj ekskluzive al signaloj de danĝero de ŝipoj kaj horsignaloj ;

Petas la Lignon de Nacioj kaj la Universalan Telegrafan Unuiĝon, ke ili faru ĉion eblan por akceli la kunvenigon de la necesa konferenco, se eble tutmonda, kaj, se ne eble, almenaŭ eŭropa ;

Instigas ĉiujn radio-organizaĵojn, ke ili kreu publikan opini-movadon kaj petskribu al siaj registaroj por ke ili intervenu en Ĝenevo kaj en Bern por kunvokigi la konferencon. »

II.

« La Konferenco komisias ĝian estraron formi plenuman provisoran komitaton por daŭrigi la klopodojn por internacia interkonsento pri radiotelefonio, kaj fondi daŭran ligilon inter la elsendaj stacioj, kompanioj kaj radiotelefonaj ĵurnaloj, kun centro en Ĝenevo, sidejo de la Ligo de Nacioj. »

III.

« La Prepara Konferenco por Internacia Interkonsento pri radio-telefonio en Ĝenevo, Aprilo 1924, konstatinte, ke la radiotelefonio disvastigas la homan parolon trans ĉiaj limoj kaj renkontas la barilon de la diverlingveco :

Opinias urĝe necesa la uzon de helpa internacia lingvo por tiu parto de la elsendado, kiu celas atingi la eksterlandon ;

Gratulas la radiostaciojn, kiuj jam komencis elsendi per Esperanto en Eŭropo kaj Ameriko, aŭ kiuj mem disaŭdigis kursojn pri tiu lingvo ;

Rekomendas al ĉiuj radiostacioj regulan momentan disaŭdigon en

Esperanto almenaŭ unu vesperon ĉiusemajne, je difinita tago, kaj laŭeble disaŭdigon de Esperanto kurso, ĉar tiu lingvo montriĝis facila, klare aŭdebla kaj jam disvastigata inter aŭdantoj de ĉiuj landoj laŭ konsiderinda proporcio. »

IV.

« La Konferenco konstatas la laboron jam faritan de la Internacia Radio-Asocio, kies prezidanto estas S-ro Pierre Corret en Versailles, kaj sin turnas al ĝi kun la peto akceli la preparon de la teknika terminaro internacia por la senfadena tlegrafio kaj telefonio interkonsente kun la sekcio por teknika vortaro de la Esperantista Akademio. »

V.

« La Konferenco esprimas la deziron, ke la kelkaj ŝtatoj, ankoraŭ malpermesantaj la uzon de radiotelefonio, bonvolu rekonsideri sian decidon kaj permesi la amatorajn ricevilojn. »

# Diversaj informoj

« ESPERANTO KAJ KOMERCO » (Franca asocio por la disvastigo de Komerco per Esperanto), kies sekretariejo estas : 20, Rue de l'Arc de Triomphe, Paris 17e, bone progresas. Ĝi faris sukcesajn klopodojn ĉe Radio-telefona administracioj, inter kiuj pluraj estas bonvole helpontaj. Ĝi ankaŭ laboras pri vortareto por komunaj komercaj vortoj. Plie tiu societo nun zorgas pri la ĉiujara organizo de Esperanta propagando en la butikoj senpage donitaj de la komitato de la Foiro de Paris dum tiu grava komerca okazo. — Nirimarkigu, ke la Asocio « Esperanto kaj Komerco » estas fondita de francaj komercistoj kaj industriistoj, inter kiuj estas anoj de komercaj ĉambroj kaj estraranoj de gravaj komercaj sindikatoj.

* * *

INTENACIA ŜPARKONGRESO EN MILANO
21an-25an DE SEPTEMBRO, 1924.

La Cassa di Risparmio delle Provincie Lombarde (Ŝparbanko de la Lombarda Provinco), okaze de sia jarcento, decidis organizi en Milano la 21an ĝis la 25an de Septembro 1924, Internacian Kongreson de Ŝparbankoj kaj similaj organizaĵoj.

Ĝi jam dissendis invitojn ĉiulanden al la gravaj organizaĵoj en tiu fako.

La provizora tagordo entenas, interalie :

1. Organizo kaj leĝaro pri Ŝparbankoj en la diversaj landoj.
2. Kiel kuraĝigi la Ŝparemecon precipe ĉe la laborantaj kaj mezaj klasoj.
3. La protektado de la ŝparoj de elmigrantoj.
4. Ĝis kiaj limoj la Ŝparbankoj povas funkcii, kiel bankaj organizaĵoj, ne detruante siajn proprajn celojn.
5. Starigo de internacia organo por studi kaj kunigi la agadojn de la Ŝparbankoj.

La alvokoj al la kongreso estas presitaj itale, france, angle kaj germane, kvankam ankaŭ hispana kaj esperanta lingvoj estas permesataj en la laboroj de la Kongreso.

Estas tre dezirinde, ke kiom eble da Esperanto-parolantaj delegitoj de Ŝparbankoj ĉeestu la kongreson, ĉar se montriĝos en la Kongreso mem, ke sufiĉa nombro postulas la jam donitan permeson paroli Esperante, la sekvoj ja estos gravaj por nia movado.

La adreso de la organiza komitato estas : Internacia Ŝparkongreso, Cassa di Risparmio delle Provincie Lombarde, Milano, Italujo.

Por pluaj detaloj pri la afero oni sin turnu al Itala Esperantista Federacio, Casella Postale N. 25, Verona, Italujo.

---

## BRITA ASOCIO POR LA PROGRESIGO DE LA SCIENCO.

---

## RAPORTO DE KOMITATO PRI INTERNACIA HELPLINGVO.

La Brita Asocio antaŭ kelkaj jaroj difinis komitaton por enketi la praktikeblecon de Internacia Helplingvo. Inter la membroj de la Komitato estis la jenaj konataj edukistoj: D-ro H. Forster Morley (Prezidanto), D-ro E. H. Tripp (Sekretario), S-ro E. Bullough, Prof. J. J. Findlay, Sir Richard Gregory, S-ro W. B. Hardy, D-ro C. W. Kimmins, Sir E. Cooper Perry, S-ro Nowell Smith, kaj S-ro A. E. Twentyman.

Konsiderinte la temon de ĉiu vidpunkto, kaj aŭdinte la argumentojn de la Latinistoj, la Anglistoj, la Idistoj, la Esperantistoj, kaj aliaj, la Komitato eldonis en 1921 provizoran raporton (riceveblan ĉe la Brita Esperantista Asocio po 3 pencoj), kies konkludoj estas:

1e Latina lingvo estas tro malfacila;

2e. La alpreno de iu ajn moderna lingvo favorus al tiu nacio kaj ekscitus ĵaluzon nacian;

3e. Tial inventita lingvo estas plej bona. Esperanto kaj Ido estas konvenaj; sed la komitato ne sentas sin preta decidi inter ili.

De tiu dato ĝis nun la Komitato plue studis la demandon, kaj nun raportas, fine, la jenon (mallongigitan de Januara « International Language»).

La Komitato ripetas, ke de la filologia vidpunkto, ĝi ne povas fari decidon. Ĝi kredas, ke la fina verdikto devas esti farita de internacia, spertega, kaj aŭtorita organizaĵo, kiu posedos ĝeneralan konfidon, kaj kiu mem studis la demandon de ĉiu ebla vidpunkto. La komitato tamen konscias, ke de la praktika vidpunkto decido estas bezonata, kaj tial decidis rekomendi la alprenon de Esperanto, pro tio, ke Esperanto estas multe pli konata ol Ido, kaj ke la sperto montris, ke eĉ se Esperanto ne estas tute perfekta, ĝi tamen estas tute kontentiga por ĉiu ordinara celo. Anoncante ĉi tiun rekomendon, kaj ĝis decido fariĝos de iu senpartia internacia organizaĵo, la Komitato neniel volas malfavori aŭ senkuraĝigi la studon kaj eksperimentadon en ĉiu direkto, aŭ nei la pretendojn de aliaj projektoj. Sed rekomendi du aŭ pli da lingvoj egalas rekomendi neniun. Estas sufiĉe malfacile decidigi la ordinaran civitanon sin interesi pri unu formo de I. L., peti, ke li lernu du, estus simpla malsaĝaĵo.

# Lingva Komitato

ELEKTOJ, (79 voĉdonintoj ; — Plimulto, 40)

Estas reelektitaj, laŭ IV. 4. 5, 1a de la Regularo, la sekvantaj ELIRINTAJ membroj :

S-ro BUNEMANN (74 voĉoj), BULTHUIS kaj FISCHER (71 v.), S-ino FLOURENS (Roksano) (70), S-ro ARNHOLD (69), S-ino REED (Kellermann) (68), S-roj ROHRBACH (67), REED (66), BIANCHINI, DEGON kaj UNDERHILL (64).

Estas elektitaj, laŭ IV. 4, 5, 2a de l'sama Regularo la sekvantaj NOVAJ membroj.

S roj ROUSSEAU (76 voĉoj), KAMARYT (75), OBRUĈEV (74), BAGHY (72), JODKO (60).

AKADEMIO.

La elekto en la Akademion por la posteno 11 okazos antaŭ la fino de Septembro.

# Ilia Unua Infano

El la albumo de juna Sinjorino.

«Ekrigardu, karega edzo, ree robeto por nia filineto — ĉar filineto ŝi certe estos. Kion farus knabeto per tiel belega robeto?» Tiel parolis feliĉa edzino, estonta patrino, al sia edzo, kiu, ĵus rehejmiĝinte post sia oficeja laboro, rigardadis kun ia respekta miro la artproduktaĵon destinitan al sia infano. Li rigardis per okulo plena je partopreno ĉiujn rabetojn, salivtuketojn kaj nombron da aliaj vestaĵetoj preparitaj de amikinoj kaj kuzinoj por la atendata ploremuleto, kaj ĉio estis por li elmetita, kvankam li ne ankoraŭ precize konsciiĝis kiel kapeto en tiu ĉapeto, piedeto en tiu ŝueto alĝustiĝus, kaj kvankam ŝajnis al li mirinda ĵo, ke braketo trapasos tiun maniketon.

Kiom feliĉaj ili estis pro la ĝojiga antaŭvido. « Ekrigardu, mia edzo, tie-ĉi en la anguleto povas stari la ĉambrolulileto; dum ni estas manĝantaj, ĝi staros ŝirmita kontraŭ ventoblovo» kaj «Karega edzino, mi jam vidas vin starantan antaŭ la fenestro kun nia ideto sur la brako, En ĉiuj iliaj pensoj kaj paroloj sur la antaŭplano staris nun la atendata hejmaneto. Ilia koro, kiom plena je reciproka amo, havis ankoraŭ grandan lokon por la tria foliero de la hejma trifolio. Kun kia kontentiĝo dismontris la estonta patrino la trezorojn jam pretajn por akcepti la infanon, (filineton se tiel povus esti). Por iu interesiĝanta, la infana vestaĵaro estis elmetata kun la sama kaj ĉiam nova kontentiĝo. Kun kiom da ŝato, ili jam de nun rigardadis la gustoplenan luliletón, en kiu la beleta infankapeto tiel strangebele montriĝus kompare je la blusilka ŝtofo kaj kies trarigardebla kovrotuko ĉiam permesus ekrigardon sur la malgrandan karulon. Ĉio estis gaja espero, ĝoja atendo.

Kaj tiam jen venis timiga tago kaj ankoraŭ pli timiga koro, kaj ŝia patrino, kiu fidele helpis ŝin kaj kuraĝigis, mallaŭte al ŝi diretis : « Estu vi nun sentima, infano mia, ekpensu ke kiam vi tuj aŭdos ekplori vian infaneton, tiam ĉio estos forpasinta, ĉio forgesita!»

Infano estis naskiĝinta, kaj ĝi estis filineto, beleta malgrandulineto, kiu havis precize la nazeton de la patrino, sed ve!... la patrino vane atendis la unuajn krietojn de sia karulineto. La morto estis ferminta por ĉiam tiujn infanlipetojn, la morto estis ferminta tiujn okulojn en kiuj la patrino tiom deziris rekoni la «patrajn okulojn.» Dum unu momenteto oni ripozigis ŝian infaneton en ŝiaj brakoj, unu momenteton ŝi povis ĝin premi ĉe sia brusto, sed estis ja ĉio. Tiam oni ĝin forportis kaj la lulileto estis elportata el la ĉambro. Kaj tiam fariĝis tiel senbrue, tiel mortsilente en tiu akuŝoĉambro sen lulilo. Du tagojn poste la juna ĉagrenanta viro portis sian infaneton al la tombejo, kaj reveninte, li devis precize rakonti al sia edzino kie ĝi estis enterigita. Somere ili multfoje tien irus por, fiksrigardante la tombejon, provi rigardi trans ĝi.

Aliaj infankapetoj de longe jam estas karesintaj la patrinan bruston, aliaj filinetoj estas portintaj la beletajn robetojn, aliaj voĉetoj sonadis el la blua lulileto — la domo estas plena je malgrandaj hejmanoj, sed la gepatroj neniam forgesis sian unuan filineton, kiu estis atendata kun tiel granda amtrezoro, kaj neniam bezonis ilian amon.

El Flandra lingvo tradukis
F-ino Eug. COLIJN.

---

## SPRITAĴOJ

La vagonaro haltiĝas antaŭ malgranda stacidomo.

« Kial oni haltigas nun tie ĉi, diable » demandas facilincitebla, maljuna sinjoro.

« Tial ke mi devas elveturiĝi », respondas senĝena viro kaj li leviĝas.

« O. tiam estas tamen profita», rimarkis flegme la majuna sinjoro

---

Amindumanta duo sidis ĉe la malsupro de monteto; ambaŭ rigardis antaŭ si en ĉarma silento. Subite la junulo turnis sin al la junulino kaj diris :

« Karulino, mi ne komprenas kion vi trovas en mi, por tiel amegi min ! »

« Tion diras ili nun ĉiuj », respondis la juna virino.

Silento denove regis longtempe, sed silento de iom alia speco ol antaŭe.

---

**En la butiko.** — **La majstro: Knabo, mi kredas, ke la laboro vin timigas.**

**La lernanto: Min, majstro, min. Neniam. Mi kuraĝas kuŝi apud ĝi kaj dormi trankvile.**

# La Kapricoj de Mariano

ALFRED DE MUSSET

(DAŬRIGO)

OKTAVO. — Se vi skribus al ŝi ?

ĈELIO. — Ŝi disŝiras miajn leterojn aŭ ilin resendas al mi.

OKTAVO. — Se vi amus alian ?

ĈELIO. — La spiro de mia vivo apartenas al Mariano, ŝi povas, per unu nura vorto de siaj lipoj, ĝin detrui aŭ ĝin ardigi. Vivi por aliulino estus al mi pli malfacile ol morti por ŝi. Silentu! jen ŝi eliras.

OKTAVO. — Foriru, mi alparolos ŝin.

ĈELIO. — Ĉu vi kuraĝus? en tia vesto ! Purigu vian vizaĝon ; vi aspektas kiel frenezulo.

OKTAVO, demetante sian domenon. — Jen tio estas farita... La frenezeco kaj mi, mia kara Ĉelio, ni estas tro karaj unu al la alia por iam interdisputi ; ĝi agas laŭ mia plaĉo kiel mi laŭ ĝia. Ne timu pro tio ; nur studento en ferioj, kiu valsas dum granda festeno, perdas la prudenton kaj serĉas sian saĝon ; mi, mi ne havas alian saĝon krom mia fantazio ; mia pensmaniero estas ke oni lasu agi min, kaj mi parolus al la reĝo, ĉi tiun momenton, kiel mi ekparolos al via belulino.

ĈELIO. — Mi ne scias kion mi sentas. — Ne, ne parolu al ŝi.

OKTAVO. — Kial?

ĈELIO. — Mi ne povas diri : ŝajnas al mi ke vi trompos min.

OKTAVO. — Vian manon! De kiam mi estas sur tero, mi neniun trompis, kaj mi ne komencos per mia plej bona amiko. (Ĉelio foriras).

KVINA SCENO.

OKTAVO, MARIANO.

OKTAVO. — Ne deturnu vin, belega princino ! Faligu unu el viaj rigardoj sur la plej humilan el viaj servistoj.

MARIANO. — Kiu vi estas?

OKTAVO. — Mia nomo estas Oktavo; mi estas kuzo de via edzo.

MARIANO. — Ĉu vi venas por vidi lin? eniru en la domon ; li baldaŭ revenos.

OKTAVO. — Mi ne venas por vidi lin kaj ne eniros en la domon, ĉar mi timas ke vi poste eble forpelus min, kiam mi estos direnta al vi kio min alveniĝis.

MARIANO. — Do, ne diru ĝin al mi kaj ne pli longtempe haltigu min.

OKTAVO. — Mi diros ĝin al vi, kaj petegas vin ke vi haltu por aŭskulti. Kruela Mariano ! viaj okuloj kaŭzis multe da sufero, kaj viaj paroloj ne sanigos ĝin. Kion faris al vi Ĉelio?

MARIANO. — Pri kiu vi parolas kaj kian suferon mi kaŭzis?

OKTAVO. — Suferon la plej kruelan el ĉiuj, ĉar estas senespera sufero ; la plej terura, ĉar estas sufero kiu amas sin mem kaj forpuŝas la sanigan pokalon ĝis en la manon de la amikeco ; sufero kiu paligas la lipojn per venenoj pli dolĉaj ol ambrozioj, kaj kiu fandigas en larm-

pluvon la plej ŝtonan koron, kiel la perlon de Kleopatro, sufero kiun ĉiuj aromajoj, la tuta homa scienco ne scius malakrigi, kaj kiu nutras sin per vento kiu preteriras, de la odoro de velkinta rozo, de la rekantaĵo de kanto, kaj kiu ĉerpas la eternan nutraĵon pro siaj suferoj el ĉio kiu ĝin ĉirkaŭas, kiel abelo sian mielon el ĉiuj ĝardentufoj.

MARIANO. — Ĉu vi diros al mi la nomon de tiu sufero?

OKTAVO. — Ke tiu kiu estas inda por elparoli ĝin, diru ĝin al vi! Ke la revoj de viaj noktoj, ke viaj verdaj oranĝujoj, ke la printempo ĝin sciigu al vi! Ke vi povu ĝin serĉi iun belan nokton, vi trovos ĝin sur viaj lipoj. Ĝia nomo ne ekzistas sen ĝi.

MARIANO. — Ĉu ĝi estas tiom danĝera por elparoli, tiom terura en sia infektado, ke ĝi timigas langon kiu pledas en ĝia favoro?

OKTAVO. — Ĉu ĝi estas tiom dolĉa por aŭskulti, kuzino, ke vi demandus ĝin? Vi instuis ĝin al Ĉelio.

MARIANO. — Estas do senvole; mi ne konas tiun nek la alian.

OKTAVO. — Ke vi konu ilin kune kaj ke vi neniam ilin disigu, jen la deziro de mia koro.

MARIANO. — Ĉu vere?

OKTAVO. — Ĉelio estas la plej kara el miaj amikoj; se mi dezirus enviigi vin, mi dirus al vi ke li estas bela kiel la tago, juna, nobela, kaj mi ne mensogus; sed mi nur deziras kompatigi vin, kaj mi diras al vi ke li estas malgaja kiel la morto depost la tago kiam li vidis vin.

MARIANO. — Ĉu estas mia kulpo, ke li estas malgaja?

OKTAVO. — Ĉu estas mia kulpo ke vi estas bela? Li nur pensas al vi; ĉiam li vagas ĉirkaŭ ĉi tiu domo. Ĉu vi neniam aŭdis kantadon sub viaj fenestroj? Ĉu vi neniam suprenlevis, je noktmezo, tiun latkurtenon kaj tiun kurtenon?

MARIANO. — Ĉiu povas kanti vespere, kaj ĉi tiu placo apartenas al ĉiu.

OKTAVO. — Ĉiu povas ankaŭ vin ami, sed neniu povas ĝin diri al vi. Kiom aĝa vi estas, Mariano?

MARIANO. — Jen bela demando! Kaj se mi ne estus jam dekokjara, kion vi volus ke mi pensu pri tio?

OKTAVO. — Vi do havas ankoraŭ kvin aŭ ses jarojn por esti amata, ok aŭ dek por ami vi mem, kaj la restaĵon por preĝi al Dio.

MARIANO. — Ĉu vere? Nu, por profiti la tempon, mi amas Klaŭdion, vian kuzon kaj mian edzon.

OKTAVO. — Mia kuzo kaj via edzo kune neniam estos io alia ol vilaĝa pedanto. Vi tute ne amas Klaŭdion.

MARIANO. — Nek Ĉelio; vi povas ĝin diri al li.

OKTAVO. — Kial?

MARIANO. — Ĉu vi diros ankaŭ al mi kial mi aŭskultas vin? Adiaŭ, sinjoro Oktavo; jen ŝerco kiu sufiĉe longe daŭris.

## BIBLIOGRAFIO.

RADIO AND THE LANGUAGE DIFFICULTY, de Harry A. Epton, The Wireless and Allied Trades' Review, 12-13 Henrietta Street, W. C. 2. 1923. 8 paĝoj: 12 x 18,5 cm. Prezo: nemontrita. Tre trafa pledo en angla lingvo por la akcepto de Esperanto kiel ĝenerala lingvo por la senfadena telefonado.

UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO. — Raporto pri la jaro 1922. 16 paĝoj: 14,5 x 22 cm. Prezo: nemontrita. Tre interesa raporto pri la agado kaj servoj de nia Internacia Societo pri praktikaj servoj. Ni konsilas al ĉiuj niaj samideanoj legi tiun raporton por ke ili konvinkiĝu pri la graveco de U. E. A.

INTERNACIA KONFERENCO PRI IMPOSTADO LAU TERVALORO, EN OXFORD, ANGLUJO, 13-20 Aŭgusto, 1923. MANIFESTO AL LA MONDO. Kunvokintoj de la Konferenco: La unuigita Komitato por imposto laŭ Tervaloro, 11 Tothill Street, Londono, S. W. 1. Unupaĝa manifesto: 33 x 20 cm. Ekzempleron ricevas senpage ĉiu petanto.

PRI LA DEVOJ DE L' HOMOJ; de Silvio Pellico. Esperanta traduko de D-ro A. Tellini. Eldonita de A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italujo) 1922. (Kolekto de la Revuo «L'ESPERANTO» sub patronado de la Itala Katedro de Esperanto). 94 paĝoj: 12 x 16 cm. Prezo: Sv. Fr. 1.—. Tre interesa libreto, aŭ verdire parolado, kun kristana morala tendenco, estas klare kaj plej bone tradukita de nia malnova samideano itala Tellini, kiun ni gratulas pro lia ellaborajo. Li pruvis denove, kiel bonega nia lingvo taŭgas por filozofiaj temoj.

TRA LA FRANCISKANA URBO ASSISI. ILUSTRITA GVIDLIBRETO de P. Stefano de Carolis O.F.M. Eldonita de A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. 1923. 36 paĝoj: 12 x 17 cm. Prezo: Sv. Fr. 0.75. Tre plaĉe eldonita gvidlibreto pri la patrujo de Sankta Francisko. La libreto estas precipe interesa pro la tre detala priskribo pri la fama baziliko de S. Francisko.

MALLONGA BIOGRAFIO DE S. FRANCISKO EL ASSISI, ĉiela patrono de l'katolikaj Esperantistoj kaj pacifistoj de P. M. Carolfi O. M. Eldonita de A. Paolet S. Vito al Tagliamento (Italujo) 1923. 64 paĝoj: 12 x 17 cm. Prezo: Sv. Fr. 1.—.

Tiu resuma sed malgraŭ tio tre detala vivpriskribo pri unu el la plej elstarantaj figuroj de la katolika religio, sendube tre multe plaĉos al niaj kredantaj samideanoj. La traduko estas majstre farita.

CAVALLERIA RUSTICANA (Kamparana kavalireco aŭ Vilaĝana honoro). Dramo en unu akto, de Giovani Verga (1840-1922). Tradukita el itala lingvo de Rodolfo Gastagnino. Eldonita de A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italujo). 1923. 48 paĝoj: 12 x 17 cm. Prezo: Sv. Fr. 1.—. Tiun ĉi mondkonatan dramon ni ne devas klarigi al niaj legantoj. Sufiĉas diri, ke la traduko estas tia, ke la teatraĵo povus kun sukceso, esti reprezentata antaŭ Esperantista aŭdantaro.

DEZIRAS KORESPONDI :

S-ro Stepanov Afanasy, Nokolaevskja n. 139, Samara, Ruslando.

F-lo Aleksandr Majorov, « Kamvo », Pristanj n. 17, Zavod, Astrahanj, Ruslando.

S-ro Grigorio Borisov, 6uĉ, ulica « Stepnova », n. 53, Astrahanj, Rusujo.

F)ino Anna Maleva, 3 uĉ, Ulica Bazulina n. 30, Astrahanj, Rusujo.

S-ro Andreo Slobodĉikov, S. Usolje Irk. gub., Rusujo-Siberujo.

S-ro Viktor Safiullin, S. Usolje Irkutsk gub. Siberujo.

F-ino A. Venderova, 4 uĉ, ulica Ptiĉia, dom n. 33, (buv. Filatova).

S-ro Walter Janichen, 10-jara, Pesterwezstr., 34, Wurgwitz-Dresden, Sachsen, Germanujo.

S-ro Julio Rosenbaum, Siebenhufenerstrasse, 17, Breslau III, Germanujo, korespondas kol. pm., pk. il., respondas ĉiam.

Geanoj de Esp. Grupo Auerbach i/V., ĉe S-ro Paulo Thomas, Rodewisch, Vogtland, Bachstr., 110, Germanujo, kor. pri politiko, arto, lit., rel., naturo, k. t. p., interŝangas il. pk., fotografaĵojn, k. t. p.